61 Num. ★ Madrido - Decembro - 1922  VI Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRATA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



KAPRO HISPANA DE LA PIRINEA MONTARO

## ATENTU!

Mia militservado en Maroko malhelpas la regulan funkciadon de la laboro, kiun mi starigis kaj gvidadas; sed estas pli preferinde ĝin daŭrigi laŭ ebloj, ol haltigi ĝin. Mi esperas mian baldaŭan revenon definitivan al nia lando, kaj tuj mi reentreprenos la eldonadon de verkoj interesaj, jam preparitaj, senpagaj por subtenantoj; dume, bonvolu estu paciencemaj. Ĝiru viajn kotizaĵojn al mi, al Jaca, ĉar poŝtoĝiro al Melilla (Maroko) malbone funkciadas, kaj ankaŭ vi vin turnu ĉiam al mi, al Jaca, de kie oni reekspedos korespondaĵojn al mia intertempa restejo. Novaj abonantoj ricevos senpage ĉiujn verketojn eldonitajn.

*J. Mangada*

---

## Pravegaj paroloj de D-ro Ed. Privat

Ĉe la Ligo de Nacioj ni atingis la maksimumon eblan per nia laboro. Esperanto ricevis oficialan konstaton pri vivanteco kaj taŭgeco. Plie la diskutoj remetis Esperanton antaŭ la publika opinio de la tuta mondo post la dorma silento de la milito, kio estas eble la plej grava. Ĉu tio estas vere «nenio nova», kiel skribis urĝemulo? Jam dek mil ekzempleroj de la Liga raporto estis tuj mendataj nur en franca kaj angla lingvoj. Itala kaj germana eldonoj presiĝas. Ĉeĥa prepariĝas. Antaŭ Kristnasko la raporto devus esti aperinta en almenaŭ dekdu lingvoj se niaj naciaj societoj vere ekzistas.

Nun oni demandos, kiam la Ligo reprenos la diskuton en plena kunsido kaj alvenos al decido definitiva? Nia respondo estas klara: ni tion klopodos kiam niaj francaj kaj britaj samideanoj estos mem konvinkintaj sian propran registaron kaj kiam niaj brazilaj amikoj estos sukcesintaj, ne nur ke ilia registaro honoru Esperanton per stratnomoj, subvencioj kaj dekretoj sed ankaŭ tute simple per pozitiva ordono al siaj reprezentantoj ĉe la Ligo.

En nia Julia Numero, ni avertis kontraŭ fantaziaj iluzioj kaj konigis la kontraŭbatalon de potenca registaro. Tie ĉi ni povas fari multon, sed ne estas miraklejo. UEA ne estas Dio, eĉ ne riĉulo. Malgraŭ nia manko de mono kaj forto, ni povas senlace informi, sugestii, interesi, sed ne devigi. La esperantistoj devus kompreni tion: la plej belaj argumentoj nenion povas kontraŭ ordonoj skribitaj de eksterlandaj ministrejoj. Sur tiuj ministrejoj povas influi nur la naciaj societoj. Ĝis kiam la naciaj societoj estos farintaj sian tutan devon kaj estos nin informintaj pri tio, ni ne riskos eĉ unu pluan paŝeton ĉe la Ligo de Nacioj. Kiom da ili eĉ tute ne vizitis sian propran registaron? Kiom da ili eĉ nenion faris por ĝin interesi?

Tion diris al mi la registaraj de-

legitoj mem. Kelkaj socíetoj agis. Ekzemple la nederlanda sukcesis, ke ĝia registaro voĉdonu favore, eĉ kvankam silente. Al ĉiuj agintaj ni kore dankas. Al ĉiuj ceteraj ni lastfoje alvokas: komprenu vian respondecon. Armilon vi nun havas en la mano: la raporton. Uzu ĝin kaj informu nin pri viaj klopodoj. Nur per ĉies kunhelpo ni venkos. Unu sola sin deteno povas detrui la laboron de ĉiuj ceteraj. Ni ne permesu tion. Ni gajnis duan sukceson ĉe la Ligo. Ni nun celu la trian.

El *Esperanto* de Novembro.

Kiajn komentariojn ni povas fari al antaŭaj diroj de nia sperta kaj nelacigebla Ed. Privat? Karegaj tutlandaj esperantistoj, mi kuraĝas denove alvoki vin al tutlanda Unuiĝo en kiu memstare, aŭtonome, povos vivi nunaj Federacioj eĉ novaj naskiĝontaj, sed tute perfekte unuigitaj por realigi la kreitajon de la XIV.ª internacia, por la ĝenerala laboro en la tuta lando, por laboro kiun aludas la atentindaj paroloj de Sinjoro Privat, por okazigi tutlandajn kunvenojn kiuj forte impresos la tutan publikon, por vidigi al la registaro nian fortan rimarkindan organizon; resume, por efike kunlaboradi al TRIA SUKCESO ĉe la Ligo. Ni estas nombraj, sed nediligentaj por kunagado; ni estas entuziasmaj kaj eĉ fervoregaj, sed ni ne scias taksi valoron de koncetrigo por la ĝenerala agado kaj kunagado kaj oni ĝenerale fidas al entuziasmo, fervoro, agemeso kaj sindonemo de unu multokaze, oftege, kaj la laboro estas vere persona, kaj kiam la aganto, la fidindulo laciĝas aŭ malaperas la konstruajo renversiĝas subite. Tial mi vin alvokas ree al vigla kunlaborado por ke ni en Valencio, dum nia I.ª Kongreso tutlanda, starigu nian Konfederacion laŭ voĉdono de Kunveno Diskuta de Zaragozo, por ke ni sukcesigu la Kongreson kaj okazigu en Bilbao la II an kun plej granda sukceso ankoraŭ. Per tiuj Kongresoj ni altiros la atenton ĉies, per nia Unuiĝo en la Vario ni sukcesos antaŭenpuŝi Esperanton. Vin aliĝu al Valencia Kongreso kaj penadu aligi ĉiajn neesperantistajn societojn, instituciojn, urbestrarojn, k. c.

*Julio Mangada Rosenörn*

---

# LA BLINDULOJ

Oni tre ofte legas pri blinduloj, pri ili oni povas verki belán ĉapitron por literatura verko, la leganton certe kortuŝos ĝi, kaj... la blinduloj daŭrigos sian malluman vojon sur la Tero al plej hela, eterna vivo.

Mi mem povus rememori ĉi tie literaturan paĝon de famekonata verkisto, kiun mi legis kiam mi estis ankoraŭ knabo, sed mi neniam konis pli intime la blindulojn ĝis kiam mi salutis blindan samideanon. Mi tuj rememoris, ke la libreto per kiu mi antaŭ dekok jaroj lernis Esperanton (Esp. en dek lecionoj de S-ro Cart) enhavis la alfabeton por blinduloj, kaj... mi lernis ĝin kaj prezentis sukcese skribajon al nia kara amiko Johano, kiu helpis min, faciligante al mi aparatojn por skribi kiel ili mem blinduloj.

Baldaŭ mia emo al skribarto instigis min kaj mi intencis apliki sisteman Stenografarton por hispanaj blinduloj. Ankaŭ mi ekkriis: EUREKA!

Mi aplikis la silaban sistemon Jubert kaj esperantistoj blinduloj, kiuj lernis nian lingvon per korespondado, baldaŭ ankaŭ lernis la Stenografarton kaj konstatis ĝian facilecon kaj... aplikas ĝin.

Hodiaŭ mem, dank' al Dio, mi finas la skribadon de mia «Praktika Metodo» (de Esperanto) por blinduloj, mi esperas, ke ĝi estos la unua volumo de *Biblioteketo* por blinduloj, kiun ni intencas starigi en nia Grupo.

Mi opinias, ke oni devus eldoni Karlo'n de Privat por blinduloj kiel ankaŭ Sablerojn de Hankel kaj aliajn malgrandajn librojn, verajn trezorojn en nia kreskanta literaturo.

Helpu ni la blindulojn! Vidantoj, lernu la alfabeton por blinduloj, laboru por ili, portu luman radion en la korojn de niaj fratoj, por kiuj neniam floroj ornamas ĝardenojn, nek Suno kolorigas la kamparon, nek ĉielarko aperas majesta en la horizonto.

Felikso Díez

Bilbao.

---

# IUJ MIAJ OPINIOJ

Mi ne bezonas paroli por min montri *Koncentrigemulo*, ĉar mia emo al Koncentrigo montriĝas de antaŭ multe. Iam S-roj Emilio G. Linera (presisto), Ferdinando Redondo (hodiaŭ staba majoro) kaj mi, fondis gazeteton pri homamaj celoj, HOMARON, kaj la gazeto unue estis riproĉinda de vidpunko lingvokorekta, kaj pro tio plendis de diversaj nacioj, kvankam ili laŭdis la celon, al kiuj ni diris: «ni estas infanoj nun, morgaŭ ni maturiĝos, sed tion ĉi ni atingos per aplikado de nia kara lingvo al *interna ideo*». Homaro ne pereigis iun alian gazeton; ĝi kreskis; ĝi perfektiĝis; ĝi koncentrigis idealemulojn el unu kaj aliaj kampoj kaj eĉ helpis la Majstron, ĉar ĝi aperigis lian Deklaracion Politikan kaj Religian; kaj kun LI, ĝi eldonis la Deklaracion aparte, antaŭ ol okazi la IX.ª Kongreso. Ĝi koncentrigis idealemulojn, ĉar la monrimedoj kaj laboro de la tri fondintoj estis dediĉataj sindoneme al ĝi, kaj la idealemuloj trovis ilon por propagando kaj koncentrigo. Malfeliĉe la milito mortigis ĝin.

Dum la teruraj militjaroj unuaj, teruro senkonsciigis la Esperantistojn tiamaniere, ke ŝajnis perei nia afero, kaj en Hispanujo, kiel ĉie, venis laciĝo, disiĝo; ree miaj du amikoj kaj mi, kuraĝiĝinte, fondis ĉi tiun gazeton unuacele por kunigi la hispanajn Esperantistojn kaj konservi, se ne kreskigi, la *sanktan fajron de Esperantismo*, sen alia kapitalo disponebla ol nia sindonema volo al la lingvo kaj al la doktrino de ĝi entenata, pensante nur: «voli estas povi». Ni, feliĉe, kreskigis *nian aferon* en nia nacio per ĉi tiu gazeto, jam sepjara spite de ĉiujara deficito, pri kiu neniu, kaj neniam, plendis, ĉar materiala profito por idealemulo estas absurdaĵo: *ĉion por kaj pro la idealo.* Kaj jen, kial povas erari tiuj, kiuj opinias, ke apero de nova gazeto estas danĝero por ekzistado de vivantaj, kaj ke nova gazeto ne utilas al nia afero. Ni vivas kaj ankoraŭ vivos dum tempoj de apostoleco. Ni eĉ akceptu novan gazeton, kiel geedzoj novan naskiton kaj ni deziru al ĝi longedaŭran ekzistadon; kaj, se ĝi mortus, ni tion bedaŭru.

De la vidpunkto subtenata de iuj pri sola subtenado de determinataj jam vivantaj gazetoj, la subtenantoj devus konscii, ke antaŭ ol fondi ili siajn gazetojn, antaŭ ol ili sin decidi subteni la determinatajn vivantajn gazetojn, ĉiuj devis koncentrigi siajn fortojn por fari ĈIUTAGA kaj AMPLEKSA la oficialan organon de UEA, kaj AMPLEKSA kaj regule APERANTA la organon de Esperanto Institucioj.

Mi konsideras, ke la cirkulero de Sinjoro E. Vittecocq, petante je nomo de «Novaj Tempoj» al «Internacia Pedagogia Revuo», «Nova Tempo», «La Esperantisto», «Unuigita Tuthomaro», «La Teristo» ktp., atenton kaj favoran decidon al unuiĝo ĉe «Novaj Tempoj», estas prava, ĉar ĉi tiu gazeto povos esti solvo por ke la idealemularo reprezentata de la aliaj gazetoj daŭrigu sian celon. Eĉ mortinte iu el tiuj gazetoj ĉian restas la aro ĝin inspirinta.

Dezirinde estas, ke en ĉiu nacio oni eldonu propagando-gazetojn redaktatajn en nacia lingvo; tial mi konsideras, ke la membroj de Barcelona Esperanto Societo estas tre pravaj eldonante sian gazeteton, kaj same mi opinias pri la eldonistoj de «La Semisto» (Sabadell), kaj mi deziregas, ke ili sukcesu pli kaj pli. Sed naciaj gazetoj re-

daktataj en Esperanto estas ankaŭ necesaj: ĉi tiu gazeto, kiu tiel efike propagandis dum la militjaroj, kaj poste por okazigi la I.an kaj II.an Kunvenojn de Esperantistoj de Iberiaj Landoj; eĉ ĉe la I.a, rifuzis altrudon al la Esperantistoj enlandaj por ĝin subteni, opiniante, ke altrudo ne estas ebla ĉe Esperantismo, kaj ĝi ne konsciis danĝera la reaperon de «Kataluna Esperantisto». Ĉi tiu gazeto havas grandajn celojn, kiuj kontentigas la hispanajn kaj nehispanajn Esperantistojn, kaj por ĉi tiuj ludas gravan rolon: konigi al ili la VERAN HISPANUJON, ne la pentritan de senhontuloj, kiuj aperigas la grandaniman Hispaninon portantan la ponardon sub la ŝtrumpligilo; la Arton, la Historion, la Sciencon, la Famulojn nombrajn, k. c., de ĉi tiu kalumniata lando. Ĉi tiu gazeto, per penado de sindonemuloj, modeste komplezis nian neniam sufiĉe ploratan Grabowski, eldonante lian «Postrikolto», tial kaj tiel diskonigante la rimarkindan kreitaĵon lian; per sama penado, ĉi tiu gazeto, aperigas de tempo, laŭ eblo, ĝis nun rimarkindajn verketojn laŭ la recenzistoj kaj Akademianoj, kaj ĉiujn verketojn ĝi senpage disdonas al siaj subtenantoj malgraŭ sia malgranda abonkosto, kiun ĝi ne volas plialtigi spite de konsiloj de enlandaj kaj eksterlandaj subtenanjoj. Nur ĝi bedaŭras, ke la senkonscia plialtigo de la nacia poŝttarifo por fremlandoj, plialtigo kontraŭ la progreso, ne permesas al ĝi iri nombre senpage al multaj Esperantistoj de landoj kun malalta monvaluto.

Nu; mi demandas: ĉu HISPANA ESPERANTISTO devas malaperi laŭ opinio de Koncentrigistoj specialaj kaj eĉ de iuj enlandanoj favoraj je la determinataj gazetoj, enlandanoj forgesintaj la laboron faritan de ĝi? Mi ne atendas respondon ies: HISPANA ESPERANTISTO vivos kaj vivados; vi Esperantistoj enlandaj metu vin mem sub la demando kaj se via konscio respondus jese pri persistado, sciu, ke via mono ĉiam absolute estos por ĝi, por ĝia plibonigo, por ĝia ampleksigo.

*J. M. R.*

## PRI NIA LASTA ELDONITAĴO

«El la Lucas'a presejo eliris jam kelkaj kajeretoj Esperantaj. Lu nuna enhavas originalajn versaĵojn de l' fervora hispana pioniro Rosenorn, kies granda entuziasmo por nia afero estas bonkonata. En liaj versoj flustras la delikateco de sentema animo kaj vibras la sango de pasia sudlandano. Li scias pentri per orkoloraj farboj kaj ritmigi romancojn kvazaŭ trubaduro mezepoka.»

(El *Esperanto Triumfonta* de la 30.a de Julio ĵus pasinta.)

---

## VOĈDONADO PRI LANDNOMOJ

Post raporto de Prof. Grosjean-Maupin, la Akademio, flankenmetante aliajn proponitajn solvojn al la demando: «Ĉu konsilinda la simpla fideleco al la Fundamenta kaj tradicia *uj?*», respondis:

9 jes — 2 ne — 1 duba voĉdono.

Al la demando: «Ĉu vi aprobas la fidelan sintenadon de la Akademio en la landnoma demando?», respondis 87 Lingvo-Komitatanoj:

74 (du kun rezervoj), jes;
5 ................ ne;
2 ................ dubaj voĉdonoj
6 sin detenis de voĉdono.



### VOĈDONADO PRI KREADO DE AKADEMIAJ KORESPONDANTOJ

Al la nemando: «Ĉu vi aprobas la Akademiaj Korespondantoj kaj rajtigas la Akademion elekti, se bezone, eĉ ne Lingvo-Komitatanojn?», respondis 87 L-Koj.

72 ........................ jes;
8 (kondiĉe ke ili estu aŭ fariĝu L-Koj)........ jes;
1 ........................ ne;
6 sin detenis de voĉdono.

Sekve al nia Regularo estos aldonata jena paragrafo XII. 21 (in fine):

«La Akademio havas la rajton elekti, eĉ ekster la L-K., se bezone, Akademiajn Korespondantojn.—Se ili ne estas jam L-Koj. la Akademio petos de la L-K. aprobon, dank' al kiu ili fariĝos L-Koj.—Ilia nombro ne devas superi la triono de la nombro de la Akademianoj.»

★

NUNAJ LINGVO-KOMITATANOJ LAŬ LA LINGVOJ

*Angla*: Blaise (S-ino), Busuttil, Butler, Mann, Millidje, Padfield, Reed (S-ino Kellerman), Shafer (S-ino A.), Underhill, *Wackrill*, *Warden* (= 12).

*Bohema*: Kühnl (= 1).

*Bulgara*: Krestanoff (= 1).

*Dana*: (= 0). *Finna* (—0).

*Flandra*: van Melckebecke, Witteryck (= 2).

*Franca*: Aymonier, Bastien, Bobin, Boucon, *Cart*, Chavet, *Corret*, Degon, Delvaux, Flourens (S-ino), *Grosjean-Maupin*, de Mânil, Parisot, *Privat*, Rollet de l' Isle, Galo. Sebert, Stiole, Verax, Wengar (= 19).

*Germana*: Amhold, Behsendt, Bünemann, *Christaller*, Fridori, Hankel (S-ino), *Mybs*, Pulvers (S-ino), Rohrbach, Sehmid, Sehmidt, Schrodes, Siwon (= 13).

*Greka*: (= 0). *Hebrea*: (= 0).

*Hispana*: Codorniu, *Inglada*, Sepulveda-Cuadra, Villanueva (= 4).

*Holanda*: Bulthuis, Uitardyck (= 2).

*Hungara*: *Zengyel*, Torok (= 2).

*Islanda*: (= 0). *Japana* kaj *Ĥina* (— 0).

*Itala*: Bianchini, Ghez, Mazzolini, Meozini, Tellini (= 5).

*Kataluna*: Bremon y Masgrau, Grau-Casas, Savadell (= 3).

*Pola*: Zamenhof (Leono) (— 1).

*Portugala*: Backenses, Couto-Fernández, Furtado (— 3).

*Rumana*: Fischer (= 1).

*Rusa*: Devjatnin, Dombrowski, *Evstifejeff*, Fiŝer, Kabanot, Mencal, Naumann, Stojan (= 8).

*Sveda*: Lundgren, *Nylen* (= 2).

La elektoj en la L-K-aton okazos dum la unuaj monatoj de 1923, en la Akademion poste, antaŭ la Nürnberg Kongreso.

*Th. Cart.*
Prez. de la L. K-ato.

---

# SONĜO KAJ SOPIROJ

Animo subtila,
El brusto trankvila,
Dum dormo eliris.
Je fulma sovaĝo,
Eliris el kaĝo.
Al kie aliris?
Ĝi flugis kontenta,
Sub luno arĝenta.
La koro sopiris!
Ĝin gvidis Destino
Al la amatino...
En sonĝon, mi miris;
Ĉar jam mi ŝin vidas...
Ĉar jam ŝi min ridas...
Ni kore nin diris...
.......................
Mi sentis korskuon
Finanta diĝuon;
Vekiĝo ŝin tiris...
Dum dormo aliras
Al vi la animo;
Vekite, esprimo
Al vi ja sopiras
Konstante sen limo.

*Julio Mangada Rosenörn*
Tendaro de Dar-Quebdani-Melilla (Maroko)

# La Mistero de la nombro SEP

Ni skribu la numerojn 7-14-28-56-112-224, k. c.; nj ordigu ilin, escepte 7, tiamanieres

14
28
56
112
224
... kaj sumante, la rezultato

estas 142857142...... Ĉi tiu nombro, 142857142857... estas la decima parto de 1|7

10 | 7
30 0'142857...
20
60
40
50
1

Se oni multiplikus tiun nombron per la sinsekva serio de numeroj la produktoj ĉiam montrus la samajn ciferojn:

0'142857.......
× 1 = 142857.......
× 2 = ..285714.....
× 3 = .428571......
× 4 = ....571428...
× 5 = .....714285..
× 6 = ...857142....

× 7 sumante 1 (resto) = 1'000.000.000....
× 8 sumante 1 al la unua produkto = 142857 kiel × 1.
× 9 sumante 1 al la unua produkto = 285714 kiel × 2.
× 10 = 428571 kiel × 3.
× 11 sumante 1 al la unua produkto = 571428 kiel × 4.
× 12 sumante 1 al la unua produkto = 714285 kiel × 5.

kaj tiel plu.

Se oni sumus tiun nombron kun ĝi mem, siam reaperus la samajn ciferojn:

0,142857
0,142857
0,285714
0,142857
0,428571
0,142857
0,571428
0,142857
0,714285
0,142857
0,857142
0,142857 sumante 1 al la unua sumo rezultas
1,000000
0,142857
0,142857 k. t. p.

Ĉe la antaŭaj produktoj, la unua cifero de la produkto eltas: kiam oni multiplikas per 1, la cifero *unua* de l' nombro 142857; kiam per 3, la *dua*; kiam per 2, la *tria*; kiam per 6, la *kvara*: kiam per 4, la *kvina*; kiam per 5 lá *sesa*. Metu unu post la aliaj la multiplikantajn ciferojn kaj oni formos la nombron 132645; dividu ĉi tiu numero je tiu formo: 132 kaj 645; sumu ambaŭ, kaj rezultos 777. Se anstataŭ sumi la oblojn de 7 (14-28-56...) oni sumus ĝiajn onojn (3'5-1'75...) tiamaniere:

07
03,5
01,75
00,87 5
00,43 75
00,21 87 5 ni retrovas la
......

nombro ...... 14 28 57, tio estas, 1|7,

do, la nombro 7 aŭ 1|7 estas nedetruebla.



Tiu nombro aperas ankaŭ tre ofte ĉe la Scienco, ĉe la Historio kaj ĉe la Religio. Ĉe la Scienco oni povas citi: la *sep* kolorojn de l' spektro; la *sep* muziknotojn; la *sep* stelojn de la Granda kaj Malgrandaj Ursoj. La Luno estas 7 × 7 fojojn pli malgranda ol la Tero, kaj dnm la jaro okazas 49 fazojn de luno;

Merkuro ricevas sepfoje pli da suna lumo ol la Tero; Marso estas sep fojojn pli malgranda ol nia planedo, kaj de Neptuno oni vidas la diametron de la Suno sep fojojn pli malgrandan ol de la Tero.

La homa kapo havas sep truojn, kaj la homa haŭto sep tavolojn. La homo sepjara ŝanĝas siajn dentojn; dekkvarjara, viriĝas aŭ viriniĝas; dudekunu jara, estas plenkreskreska; dudekokjara, plenforta; tridekkvinjara plenpasia.

La ĝermado de la kolombaj ovoj daŭras du semajnojn; tiuj de la kokinoj, tri; tiuj de la anseroj, kvin; tiuj de la strutoj, sep. La semajno ĉie havas sep tagojn.

Ĉe la Historio oni povas citi: la sep saĝulojn de Grekujo; la sep reĝojn de Romo antaŭ ol la starigo de la Respubliko. Romo ja estis konstruita sur sep altaĵoj, kaj la romanoj skribis la numerojn per sep literoj (I-V-X-L-C-D-M). La militoj de Romo kontraŭ Persujo kaj en Hispanujo de Kristanoj kontraŭ Maŭroj daŭris sep jarcentoj. La heptarĥio en Anglujo konsistis el sep ŝtatoj; la Holanda Respubliko, kiam ĝi sendependikis de Hispanujo, el sep provincoj. Famaj estas la reĝoj Ludoviko VII kaj Karolo VII de Francujo, Henriko VII de Anglujo, Alfonso VII de Hispanujo kaj la papo Gregorio VII kiu aliformigis la kalendaron.

Ĉe la Religio plej ofte aperas tiu nombro. Sed tio ja meritas apartan artikoleton.

*Fernando Redondo*

---

# PRI LA MORTO

Tiu, kiu timas la morton, timas ĉu sensacioneniaĵon, ĉu aliajn sensaciojn. Sed se vi nur havas sensaciojn, vi ne sentos ian malbonon. Kaj se vi akirus aliajn sensaciojn, vi estus alia estaĵo kaj via vivo persistadus.

Proksimiĝas tempo, kiam vi ĉion forgesos; proksimiĝas tempo, kiam ĉiuj forgesos vin.

Kiom da el tiuj, kiuj eniris en la Mondon kun mi, jam eliris el ĝi!

Ĉiam vi konsidere la homaĵojn esti pasaĝeraj kaj senvaloraj: hieraŭ, ĝermo; hodiaŭ, kadavro aŭ cindro. Pasigu, do, ĉi tiun sensignifan momenton de la vivo laŭ la naturo, finu la vivon serene, kiel olivo matura kaj falanta benante la teron, kiu ĝin nutris, kaj dankante la arbon, kiu ĝin subtenis.

Kion fari dum alvenas la momento? Kian aliaĵon ol honori kaj beni la Diojn, fari bonon por la homoj, toleri ilin, sin deteni, kaj memori, ke ĉio, kion vi vidas ekster via korpo kaj via spirito ne estas propraĵo via, nek estas sub via rajto.

MARCO AŬRELIO



Ne estas en la homa koro ia pasio, kvankam ĝi estu malforta, kiu ne estu kapabla kontraŭstari la timon morti. La morto, do, ne estas tiel timinda malamiko, ĉar la homo ĉiam havas en si mem ion por venki tian timon. La amo malestimas ĝin, por la honoro ĝi estas aspiro, la senespero iras serĉi ĝin kiel rifuĝejon, la malkuraĝo fruiĝas al ĝi, la fido akceptas ĝin kun ĝojo.

Tiel nature estas morti, kiel naskiĝi; kaj la naskiĝanto eble suferas pli, ol la mortanto. Tiu kiu mortas ĉe granda entrepreno en kiun li sin enprofundigis entuziasme, ne sentas pli la morton ol la batalanto morte vundita dum la febro de la batalo. La utilo propra de ĉiu bono, kiun oni celas kaj kiu satigas la animon, estas forigi la senton pri doloro kaj pri la morto mem.

*Francisco Bacón*

---

# Aspiroj de la sep radioj

1.ª Radio.—La Forto.

«Mi estos forta, kuraĝa, konstanta je la servo de la Majstroj.»

2.ª Radio.—La Scieco.

«Mi deziras atingi tiun glorvizian sciecon, kiu nur povas nesti en la amo perfekta»



TIPA STRATO DE ANTIKVA VILAĜO DE ARAGONO
NORDA ĈE LA PIRENEO

3.ª Radio. Adapteco aŭ Saĝo.

«Mi celos akiri la kapablon diri kaj fari precize tion, kion oni devas kaj je la momento oportuna; interrilatiĝi kun ĉiu laŭ lia intelekto, por plej efike helpi.»

4.ª Radio. Belo kaj Harmonio.

«Pri ĉio, kio dependos de mi, mi penados, ke la beleco kaj harmonio montriĝu en mia vivo kaj en mia medio, por ke ili povu esti pli indaj je la Majstroj: mi lernos vidi la belon ĉe la tuta Naturo, por ke mi povu servi ilin plibone.»

5.ª Radio.—La Scienco (konkreta kono).

«Mi volas atingi konon kaj lertecon por ilin dediĉi al LIA ago.»

6.ª Radio.—La Fervoro.

«Mi disvolvos en mi mem la potencan forton de la fervoro, por ke, per ĝi, mi povu aliajn al ILI.»

7.ª Radio.—La Ordigata Servo (ceremoniaro, kun alvokoj al Anĝeloj – Devasoj— por helpo).

«Mi volas ordigi kaj organizi mian ser-

von tiel, kiel ILI estas ordonintaj, por ke mi povu tutplene atingi la aman helpon de la Anĝeloj (Devasoj), kiun ĉi tiuj ĉiam estas pretaj doni.»

*G. W. Leadbeater*

# El Atentindaj Paroloj

La granda franco Ernest Renan diris, je la 11.ª de marto de 1882, en la Universitato de Parizo profetaĵojn, kiuj estas indaj je granda atento ĉies.

Li anoncis la morton de la moderna civilizo pro la danĝera duobla senco de la vortoj *nacio, nacieco, raso*; ĉar per milito oni iras al ruino, per milito oni iras al ekstermado, deflankigante kaj forlasante la fruktodonan principon pri *libera memvola unuiĝo*, permesante al nacioj same, kiel oni permesis al dinastioj, la rajton alproprigi al si teritoriojn sen konsento ĉi ties, spite de la natura rajto de la loĝantoj per kiu ĉi tiuj povas ĉiam decidi memvole kaj tute libere pri siaj destinoj. Abomeninda estas la procedo por perfortdevigi homojn al iu ajn regado. La popoloj pacienceme akceptis tiajn regadojn, kiuj estas por brutaroj; iam la popoloj sin liberigos el bruta kondiĉo tia, ĉar homo ne estas dependaĵo de lingvo, de raso, de religio; homo dependas de si mem pro la fakto esti libera, konscia kaj morala, kaj se estis barbaraĵo persekuti homon por devigi lin ŝanĝi lian religion, tiel granda barbaraĵo estas persekuti lin por ke li ŝanĝu sian lingvon aŭ sian naciecon. Spite de diverseco de lingvoj, ĉiuj homoj povas senti noble kaj celi plej altajn idealojn. Lingvo, raso, geografio, naturaj landlimoj, religio, estas nenio atentinda antaŭ la deziro de loĝantaro, kies rajto decidi lian destinon estas la saĝa solvo por nunaj konfliktoj. Judo, ses jarcentojn antaŭ Kristo parolante pri la ruino de la tiamaj imperioj, jam diris: «Jen kiel nacioj mortas por nenio, sin ekstermas por esti cindroj.»

Laŭ li, la okcidenta Eŭropo dividiĝis laŭ nacioj kaŭze de la ruino de la imperio de Karolo la Granda; kaj la nacioj firmiĝis, ĉar sekvo de tutmonda regado estas unuiĝo solidariĝo, restariganta la ekvilibron. La antikvaj nacioj ne estis samaj, kiaj nunaj estas; t uj fondiĝis ofte, kiel sekvo de fandiĝo de rasoj, ne konforme je etnografiaj diferencoj. Ĝis la x.ª jarcento persistis la diferencoj de raso en la loĝantaro de Francujo, de tiu dato malaperas la diferencoj. Tiam la nobelo estas la venkanto; sed li, konsiderante sian nobelecon, kiel rekompencon de la reĝo pro siaj servoj, starigas tian opinion iom post iom tute firme, kaj la opinio fariĝas dogmo je la XIII.ª jarcento, de kio devenas, ke inter la nobelo kaj la plebejo ekzistas diferenco de klaso kaj ne de raso. La dinastio tial kaj tiel starigis la nacion en Francujo; sed estas aliaj landoj, en kiuj spite de la celo de la dinastio fandi la rasojn, ne efektiviĝis la fando, kiel en Aŭstrio, kaj malpli en Turkujo, kie religio havis diversecon. Moderna nacio estas, do, sekvo de historiaj faktoj paralelaj: ĉu dinastio atingas fondi nacion, kiel en Francujo; ĉu la memvolo de popolo atingas tion, kiel en Nederlando, Belgujo kaj Svisujo; ĉu la ĝenerala spirito, malfrue venkinte la feŭdalismon, kiel en Italujo kaj Germanujo. Sed, kio estas nacio? Kial Nederlando estas nacio kaj ne Hannover aŭ Parmalando? Kial Francujo, kvankam malaperis la dinastio stariginta la nacion, ankoraŭ estas nacio? Kial estas nacio Svisujo malgraŭ siaj tri lingvoj, du religioj kaj diversaj rasoj, kaj tamen ne estas nacio la homogena Toskanio? Kio estas la diferenco inter la principo de nacieco kaj tiu de raso?

Oni ne povas akcepti, ke nacio estas dinastio eĉ en la pasinteco; tial ke ekzistis kaj ekzistas nacioj, kiuj ne estis, nek estas, dinastioj.

Estas granda kaj danĝera eraro certigi, ke la principo de nacieco devenas de la raso, kaj defendi, ke ĉiu raso rajtas rehavigi al si siajn membrojn eĉ spite de ilia kontraŭa memvolo. Oni devas konscii, ke

eĉ ne ekzistas unu sola pura raso nun, kaj ke kiu ajn moderna nacio estas rezultato de miksitaj rasoj: sur la antropologiaj karakterizoj staras la racio, la justeco, la vero, la belo, ĉiam egalaj por ĉiuj homoj.

Estas opinioj laŭ kiuj la principo de nacieco devenas de la lingvo, ankaŭ granda eraro kaj danĝera opinio, ĉar la lingvo efektive instigas al unuiĝo, sed ne devigas. Ĉi tion evidentege elpruvas Usono kaj Anglujo, Hispanujo kaj nacioj de Centra kaj Suda Ameriko, Male, Svisujo prezentas al ni unuiĝon en kiu malsamaj lingvoj ne instigas al disiĝo, unuiĝon, kiu devenas de plena interkonsento de la partoj. La homo posedas ion, kio estas pli valora ol la lingvo, la memvolon. Aliparte, la lingvo-unueco ofte estas rezultato de altrudo, kaj gravega eraro estas konsideri lingvon signo de raso, jen Prusujo, ekzemple, kiu, antaŭ ol paroli germanan lingvon, parolis slavan lingvon. Plie, taksante troe la lingvojn, oni malvastigas nian kampon, la puran atmosferon de la tuta homaro; nenio pli malbona porla homaro, nenio pli danĝera por la civilizo, kaj tial ni starigu la principon fundamentan: la homo estas raciulo kaj moralulo kaj ne sklavo de iu ajn lingvo, de iu ajn raso, de iu ajn kulturo, de iu ajn religio. Kontraŭ kiu ajn aparta aŭ difinita kulturo staras pli brila kaj potenca la tutmondakulturo, de kiu devenas la progreso de la homaro.

Nek la religio estas bazo de la moderna nacio, ĉar nun la religio fariĝis individua afero, kiu nur koncernas la konsciencon de ĉiu persono. Ankaŭ oni ne povas konsideri, ke interesoj komunaj estas fundamento de nacio, ĉar interesoj estas nur kvazaŭ korpo, kaj nacio estas korpo kaj spirito.

Geografio aŭ naturaj landlimoj nur starigas arbitran doktrinon, kiu estas tre danĝera justiganta ĉiajn premadojn kaj uzon de la forto, per kiu nacio iu ajn arogas al si la rajton almiliti teritorion aŭ teritoriojn por plibonigi siajn limojn per rivero, montaro aŭ kiu ajn alia *baro defenda, tiel kvalifikita de ĝi.* Se montaroj apartigas; male, riveroj kunigas. Sed eĉ montaroj ne ĉiuj apartigas; nu, kiuj jes, kaj kiuj ne? Estrategiaj konvenoj rajtigas por nenio, ĉar alimaniere ili estus kaŭzo konstanta por milito. Tiel valora estas teritorio, kiel raso por la nacio; la unua liveras la lakorkampon; la dua, la homo, la animon. La homo estas la ĉefaĵo, la supera elemento por formi tion sanktan, kion oni nomas popolo. Nacio estas spirita principo rezultanta de profundaj komplikoj historiaj; ĝi estas familio spirita, ne grupiĝo determinita de la tera krusto. Super ĉio nacio estas unu animo; heroa pasinteco, gloraj homoj, vera gloro, estas firma socia bazo sur kiu staras nacia idealo. Posedi komunajn glorojn pasintajn, solan volon estantan, efektivigi kune grandajn agojn kaj iri kune al ĉi tiuj grandaj agoj, estas ĉefaj kondiĉoj por esti popolo. Konsciu, ke malfeliĉoj kaj doloroj estas pli efikaj por kunigi la homojn, ol la triumfoj; la naciaj malfeliĉoj estas pli valoraj, ĉar postulas devojn kaj altrudas unuaniman penadon. Sed ĉi tio antaŭa nuntempe ne estas plena vero, ĉar nacio estas interkonsento memvola daŭrigi la komunan vivon. Nacioj ne estas eternaĵoj: same, kier ili naskiĝis, ili mortos por fariĝi konfederacioj.

---

# La parabolo de la Palmo

Publio Valerio Optimo, juna patricio, el riĉa familio Valeria de *Campania*; sin trovis en Jerusalemo dum la predikado de Jezuo; kaj li lasis raportojn, kiujn ne ankoraŭ oni publikigis, kaj kiujn oni povas bone konsideri *nekonata Evangelio*. El tiuj raportoj mi eltiras ia jenon:

«Tagon, riĉa judo de *Arimatea*, nomata Jozefo; entuziasma amatoro de la Filozofio kaj konanta nian Romon, kie li loĝis dum la unuaj tempoj de Aŭgusto, invitis min manĝi. Jozefo ankaŭ estis invitanta. por la sama tago, predikiston Jezuon, unu el multaj vidantoj oftaj sur la pavimoj de la stratoj kaj placoj de la malnova urbo.

Ni estis manĝantaj en la ĉirkaŭajoj, en unu el terbienoj proksimaj je la urbo. La pejzaĝo estis malgaja inter montaroj. La grotoj de lepruloj montris tien, malproksimen, sub kruta kaj nuda ŝtonego, siajn nigrajn faŭkojn. Sovaĝaj figarboj, hindofigujoj, kardoj, Malfeliĉa palmo, apud cisterno, etendis siajn soifantajn foliojn kvazaŭ ĝi estus grandega plumfasko.

Post la tagmanĝo, ni interparoladis gustumadante la bonan vinon, kiun arabaj sklavoj de Jozefo estis verŝantaj en niaj pokalojn. Kaj Jezuo, mirigite, kun la rigardo fiksata en la ruĝan brilecon de la vino, ŝajnis tutplene revi.

—Hebrea saĝulo—mi diris al li—, vi devus prediki vian doktrinon en Romo kaj ne ĉi tie, en tiu nacio la plej amika je ĉiu fremdulo. Viaj fratoj samrasaj ne povas vin kompreni, ĉar ili ne sentas la senmortajn, aĵojn kaj la vasteco de la animo. Venu al Romo, nun kiam la skolo de la maljuna Platon kaj la filozofio de la Portiko proklamas tie, kiel vi ĉi tie, patrecon de la Dioj pri la homoj, kaj refortiĝon de la homo per la doloro.

—Romano vi ne kredus min—li respondis—, se mi dirus al vi, ke mi sidos sur la tronon de la Cezaro, en via Romo, kaj de tie mi leĝdonos por la tuta mondo.

—Eble vi estas prava, Majstro. Sed ankaŭ mi diras al vi ke ne estos VI, kiu venkos Romon; sed Romo, kiu venkos VIN. Ne estos via doktrino, kiu dekretos de la ĉefurbo de la mondo, la pacan leĝon al la homoj. La eterna ambicio pri regado, la eterna krueleco imperia de la homoj profitos vian doktrinon, kiel novan ilon, por la malbono kaj la tiranio. Tagon, kiam iu Cezaro sin surmetos viajn vestarojn rabenajn, aŭ iu el viaj rabenoj surmetos sur sin la vestojn de niaj Cezaroj-Pontifikaj, kio restos el viaj predikadoj? Vi donis al la homoj torĉon por ke ili sin lumigu; sed la homoj transformos la torĉon je bruligilo por bruligi pie siajn fratojn sur fajrlignamasojn kaj je via nomo...

—Idolana frato—rediris Jezuo—, tie, kie homo estu mortigota de ceteraj, mi estos kun li, kaj kun li mi estos mortigota de la ceteraj.

Tiam mi atentis, ke unu el la sklavoj, kies vizaĝo ŝajnis etiopa kaj kies dorso estis atleta, mirigate aŭskultadis de la pordo de la manĝejo. Sur sian kapon li subtenis amforon da vino de *Engaddi*...

—Ĉu vi volas, Majstro, solvi dubon, kiu kaptis min tagon aŭdinte al vi parabolon kontraŭ la riĉuloj, kiun vi predikis al popolamasoj? Via doktrino havas por ni, romanoj, gravan malbonajon, ĉar ĝi laŭdas konstante la malsuperajn klasojn popolajn, la sklavigitajn rasojn, kiuj ne sciis rezisti la glavon de niaj almilitintoj, nek konkuri kun la scienco de niaj saĝuloj.

—Junulo - diris la Nazaretano—, ĉu vi volas, ke la sklavo rompu siajn katenojn nevideblajn, donu al li kapablon por tion fari; kaj ĉi tiu kapablo estas la nova parolo. Tial miaj disciploj tiel alnomis min: la Parolo. Se vi scius kompreni min, mi dirus al vi, ke la sklavo kaj la popolano fariĝos patricioj kaj la patricioj fariĝos sklavoj sen malhonoro, sen malplialtiĝo, ĉar ili estos sklavoj de la Spirito kaj ne de la karno.

Jozefo de Arimatea, diligente, sin intermetis:

—Publio, mi tre bone konas vian Romon. Tre bone mi konas la doktrinojn, kiuj donis al ĝi ĝian famon, kaj mi studis per la biografioj pri viaj Pontifikoj vian Historion, kaj per la komentarioj de viaj juristoj, vian Juron. Sed mi devas diri al vi, ke ĉiam ĉe vi estis du klasoj de sklavoj: tiuj, kiuj volas sin liberigi, kaj tiuj kiuj akceptas la sklavecon, kiel dekreton de la Eternulo. En viaj tempoj de Respubliko, la popolanoj kaj la sklavoj celis esti civitanoj; tiel, tiuj de la Aventino, dum tempoj de Agripa, aŭ tiuj, kiuj altrudis la Trimagistratecon, aŭ tiuj, kiuj malkvietigis Romon kun la *Gracos*, aŭ tiuj, kiuj ribelis kun Euno kaj Espartaco. Tamen. ĉu vi scias, kio estas la plej firma subtenilo de la nuna Imperio? Ĉu vi scias kio estas la bazo, sur kiun staras la trono de la Cezaro? Subtenas la tronon tiuj, kiuj ado-

ras la diecon de viro, kaj ne trovus en li la kuraĝon de Escévola aŭ de Bruto!

—Jozefo—mi respondis—eble pro tio profetis la Majstro la alvenon de rabena Cezaro, aŭ de Rabeno surmetinta la purpuron de Aŭgusto. Nenio estas pli utila por la absoluta tiranio de sola viro, ol la rezignacio de la ceteraj. Se la homoj sin konsideras ŝafinoj, tio ĉi estas favora je la Sola, kiu scias sin konsideri lupo. Nur tiamaniere nia antikva Respubliko devenis esti la skabelo de Imperiestro...

—Vere, mi diras al vi—rediris fine Jezuo-Kristo—, ke iun tagon ankaŭ miaj disciploj alvokos tiun Respublikon kontraŭ tiu Imperio, kaj ili mortos pro MI ne sciinte tion ĉi...

Granda murmuro alvenis de ekstere kaj surprizis nin. La sklavoj, ĉe la pordo, obstine malpermesis eniri al virino. Ĉi tiu estis belega, bruna, kun nigraj okuloj, riĉevestita. Abunda hararo bela falis sur siajn ŝultrojn nudajn. Jozefo enirigis ŝin. Mi ŝin rigardis atenteme, klinite de mia romana avideco por la alilandaj belulinoj, per kiuj ŝajnis al mi ĝui la triumfon de Romo sur la landojn kaj la rasojn.

En la manoj de la virino, antaŭa prostituulino, vibris branĉo el palmo. Ŝi alproksimiĝis al Jezuo, kaj ŝi ĝin donis al li, kiel simbolan donacon pri nekonataj transcendencoj... Poste, ŝi, surgenuiĝinte, kisadis la piedojn de la Majstro, la randon de lia tuniko kuracanta ĉiajn malsanojn.

Jezuo, ridetante, glatigis malrapide, ameme kaj ĉaste sian manon sur la hararon ŝian; li metis ŝian verdan palmobranĉon ĉirkaŭen sian kolon; alproksimigis li, lastfoje, la pokalon preskaŭ plena je vino al siaj lipoj, apenaŭ gustumante la vinon, kaj poste li verŝis ceremonie la vinon, kiel ritan bapton de la Esenioj, sur la nigran hararon ŝian. Iuj gutoj restis, kiel rubenoj, inter tiuj noktaj fadenoj, kaj ili brilis sur la akraj pintoj de la palmobranĉo.

—Virino—diris la Rabeno—, ĉi tiu palmobranĉo estas la krono de via nova virgeco, kiun neniu povos difekti. Ĉi tiu vino estas mia sango, kiu eterne fluos jam sur la tero, de viaj haroj, de la haroj de virino preferanta pli la amon ol la riĉaĵojn, la spiriton kaj ne la karnon. Virino, de hodiaŭ vi vin nomos Homaro. Iru pace; vi estas savita.

Iu rakontis al mi, tagojn poste, ke tiu virino estis poste baptata de la vera sango de la nomita Filo de la Homo; ĉar dum la horoj de la krucmartirigo, ŝi alproksimiĝis al la kruco, kaj la vundo de la flanko de la krucumito verŝis sur ŝin alian vinpluvon simbolan. La virino, eligante el sia kolo la palmobranĉon, ligis ĝin al la piedoj de Jezuo jam kaptita de la morta malvarmo; kaj la palmobranĉo, kiu akompanis lin dum la *hossannoj* trempiĝis el tiu roso purpure. Kaj de tiam, por la disciploj la palmobranĉo estas triobla simbolo pri martiro, pri triumfo kaj pri virgeco; kaj tiu sango estis fruktodona.»

Hispane verkis,

*Gabriel Alomar*

---

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

### Levantina Federacio Esperantista

La renaskiĝo de Esperanto en Valencio estas rimarkinda fakto, kaj nia afero antaŭen iras sukcese. Ke tio okazu estas nature, ĉar Valencia Regiono estis abunde semata de gravaj pioniroj, de la plimulto el nia malnova kaj sperta samideanaro: Jiménez Loira, Benavente, Inglada, Duyós, Villanueva, Codorniu, Novejarque kaj aliaj, el kiuj bedaŭrinde forlasis nin korpe iuj ĉar iliaj spiritoj vivas ĉe ni. Ilia koro sentemega malĝojis profundege pro eksplodo de la jus pasinta hombuĉado, kies teruraj sekvoj ankoraŭ premegas la korojn; la milito, minacante renversi tutplene la civilizon, akre vundis iliajn entuziasmojn kaj kredigis al ili momente la morton de Esperanto kune kun tiu de ĉio nobla, de ĉio homama. Mal-

multaj daŭris fidelaj ankoraŭ esperemaj kaj laborantaj, el ili ni citu Jiménez Loira kaj Novejarque (bedaŭrinde ili mortis kaj ne povas ĝui la renaskiĝon kaj baldaŭan fruktiĝon de la idealo por kiu ili sin donis konstante. Aliparte Valencio estas lando de sentemuloj, de progresemuloj kaj homamantoj, kaj tial ĝi vekiĝas subite kaj sin prezentas starigante denove sian Federacion, kiu enkalkulas nombrajn eminentulojn

Honoraj membroj estos: Moŝta S-ro Ricardo Codorniu, eminenta inĝeniero kaj Lingvo-Komitatano (Murcia); S-ro Antonio Guinart, Pastro (Castellón); S-ro Carlos Riba García, Direktoro de la Instituto pri Idiomoj ĉe la Universitato de Valencio.

Direktanta Komitato: Moŝta S-ro, Generalo, Miguel Elizaicín (Alicante), Prezid.; S-ro Francisco Albiñana; Direktoro de la Instituto de Albacete, Vicprez.; S-ro Andrés Piñó, Advokato, Sekr.; S-ro Juan F. Serra, Kuracisto (Liria), Vicsekr.; Moŝta S-ro Jozefo Martínez, provinca deputito, urba konsilinto kaj kronikisto de Valencio, Arĥivisto. Voĉdonantoj: S-ino Natividad Domínguez de Roger, Direktorino de Unugradaj lernejoj «Cervantes» (Valencia); S-ro Luis Jordana, Profesoro (Valencia); S-ro Antonio López Villanueva, Profesoro de la Normala Lernejo (Murcia); S-ro Ricardo Redondo, Provinca Deputato (Chiva); S-ro Eleuterio Estellés, Urbokonsilanto (Valencio); S-ro José Fenollosa, Kuracisto (Burriana); S-ro José Ventura, Licenciato pri Sciencoj (Valencia); S-ro Manuel Caplliure, Instruisto (Valencia); S-ro Daniel Llorens, Kuracisto (Pedralva); S-ro Francisco Máñez, Prez. de la Grupo de Cheste; S-ro Aurelio Yanguas, Prokuristo (Valencia); S-ro José Morales, Komisaro provinca de la Hispanaj Skoltoj.

La 12.an de Novembro, ĉe la Scienca Ateneo, okazis kunveno kiun regis entuziasmo, kaj la kunveno decidis okazigi je la proksima Majo, okaze de festoj solenaj por kroni la Virgulinon, Kongreson de Iberaj Esperantistoj, al kiu sin montris favoraj gravaj organizoj de ĉiuj regionoj.

Laŭdinda estas la laboro de la valenciaj samideanoj kaj ĝi meritas la helpon de ĉiuj enlandaj Esperantistoj.

La Aragona Federacio denove ankaŭ reagas vigle sub aŭspicoj kaj gvidado de S-ro Emilio Gaston, la nelacigebla laborinto por la gastigo de Aŭstriaj Geinfanoj, kaj de la ĉiam fervora kaj sperta Manuel Maynar sukcesiginto Dudkeilon, kiu decidis la I.an Kongreson.

Same okazas al Vaska Federacio, kaj niaj Bilbaoj Samideanoj fervore laboras, ne nur en la Grupoj, sed ekster ili kaj grava estas la kurso en la publika lernejo «Berastegui», kie 80 knaboj kaj 14 knabinoj ĉeestas la liberan aŭ nedevigan kurson; en Andaluzio, la Federacio, laboregas ĉiel kaj ĵus, la entuziasmega Petro Naranjo el Grupo de Jerez faris gravan paroladon propagandan en San Fernando. En Jerez, San Fernando, Córdoba, Tocina, Villanueva de las Minas kaj aliaj lokoj reentreprenis nian agadon, kiel en Santander kaj Madrido. Eĉ en la ĝenerala tendaro de Dar-Quebdani okazas kurso por Oficiroj sub gvidado de Majoro Mangada. En Barcelono, Tarragono, Tarrasa, Sabadell, Gerona, Vendrell, k. c., nia afero progresas.

---

# TRA LA MONDO

### Nova procedo por kuraci la kanceron

Doktoro Rollin de *Hamburgo*, specialisto pri internaj malsanoj, kuracadas kanceron de l' stomako sukcese. Li kuracis du malsanulojn kies kanceroj atingis gravan progreson. Li, rimarkinte ke kancero atakas ĝenerale personojn, kiuj estas tridekjaraj, aplikas enigi en la vejnon de la malsanuloj sangon de iliaj idoj mem.

Profesoro Kemmel, kuracisto en la hospitalo de *Eppendor*, senespera, je malsanulo, post kuracado per ĉiaj procedoj, aplikis al la malsanulo procedon de Rollin kun granda sukceso.

### Kiel sin Direktas Vespertoj?

La miriganta kapablo de la vespertoj por flugi en plena mallumeco instigis multajn personojn studi kiel tiuj bestoj evitas ektuŝegojn. Iuj opinias, ke la vido de la verpertoj estas tre potenca; aliaj, ke tiuj bestoj posedas tre delikatan palpsenton en la ekstremoj de la flugiloj; aliaj, ke ili posedas specialan senton, kiun ni ne konas.

Doktoro Hamilton Hartridge, profesoro de l' King's College de Cambridge, faris kelkajn eksperimentojn, pri kiuj raportas «The Lancet» de Londono, kaj dirante, ke nek vido, nek palpo, gvidas la vesperton dum ĝiaj flugadoj en la mallumeco.

Li malliberigis en ĉambron proksimume ducent vespertojn, kaj malfermis pordon kaj fenestron de la ĉambro, kaj lumigante la ĉambron, ĉiuj bestoj forflugis samdirekten. Poste faris samon sed kun la lumo estingita, kaj sammaniere, sen ektuŝo sola, la vespertoj forflugis. Alian fojon, oni sternis tra la ĉambro multenombrajn fadenojn ĉiudirekten laŭ labirinta reto, kaj ĉiuj vespertoj ekflugis en la saman direkton ne tuŝante nek rompante solan fadenon. De tiuj eksperimentoj, la angla profesoro konkludas, ke la vespertoj posedas specialan aŭdan senton aŭ sin gvidas per la ondoj de l' aero.

### Pri magnezio

En Norvegujo oni entreprenis laborojn por elĉerpi el mara akvo metalan magnezion, salon, gipson kaj aliajn substancojn, kiujn utiligas la industrio kaj la Komerco.

La monda produktado de magnezio ĉiujare estas 400 tonojn, kaj tial oni celas ĉie produkti pli da tiu blanka kaj malpeza metalo, kiu inkandeske brulas en aero kombiniĝante kun oksigeno. Magnezio estas 35 fojojn po cento pli malpeza, ol aluminio, kaj tial oni povos kompreni la gravecon de tiu metalo por la aeroplanoj, aŭtomobiloj kaj elektraj tramvojoj. Kunfandaĵo kun 80 partoj da magnezio estas pli forta ol la ŝtalo.

Oni esperas en Norvegujo, ke baldaŭ ĉiumonate oni elĉerpos pli ol ducent tonoj da magnezio.


# Hispana Esperantisto

Kotizaĵo subtenanta ĝin: Hispanoj, *kvar pesetojn*; Amerikanoj, pro la poŝta interkonsento, ankaŭ *kvar pesetojn*; centraj kaj orientaj Eŭropanoj 45 ĉeĥoslovakajn kronojn aŭ 150 germanajn markojn; *ses pesetojn* por ĉiuj aliaj Esperantanoj

Subtenanto ricevos senpage kiam eble eldonaĵojn. Novaj subtenantoj ricevos senpage, ĵus ricevita la kotizaĵo, «Ŝipopereo», «Ferdinando VI kaj Farinelli», «Postrikolto» de Grabowski, Pri Cervantes kaj lia famkonata verko EL QUIJOTE» kaj «Versaĵaro», «For la Milito», kaj aliajn dum la jaro.

Nepre sendu respondkuponon por ricevi pruvnumeron.

Sendu la kotizaĵojn, originalojn, revuojn, kaj ĉion pri Esperanto al *S-ro Julio Mangada Rosenörn, Komandanto de la Infanteria Regimento «Galicia» 19, Jaca (Huesca) Hispanujo.*



# LEIPZIG-A FOIRO

## La ĝenerala internacia Foiro de Germanujo

La unua kaj plej granda Foiro de la mondo·
Same grava por ekspozantoj kaj por aĉetantoj·

Ĝenerala Specimenfoiro kun Foiroj
por Tekniko kaj Konstrufako

Printempa Foiro 1923 de la 4a ĝis 10a de marto
Aŭtuna Foiro 1923 de la 26a de aŭgusto
ĝis 1a de septembro



Informojn donas kaj aliĝojn akceptas la Foiroficejo
por la Specimenfoiroj en Leipzig:

MESSAMT FÜR DIE MUSTERMESSEN
IN LEIPZIG

**F. SERRANO OLMO**

Ambrosio de Morales, 10.--CÓRDOBA (Hispanujo)

Komisiisto havantaj seriozan kaj gravan klientaron. Turnu vin al ni por vendi viajn komercaĵojn


Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid